# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

*La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo

## Ĉi-foje nur kontraŭ preskaŭ simbola prezo

La organizantoj de Expolingua ŝatas nin. Almenaŭ tio konjekteblas el ilia propono, ke ankaŭ ĉi-jare HEF ĉeestu la foiron kontraŭ la pago de nur 10% el la kutima partopren-elspezo. Jam du fojojn nia organizo estis invitita: en 2002 kaj en 2004 (ĉar la ĉi-jaran rabaton eblas konsideri kiel iaspeca subvencio).

Kiel sciate, jam antaŭ kelkaj jaroj, estis decidite partopreni la eventon nur ĉiun duan jaron ĉar la buĝeto ne permesas pli da ofteco. Tion ja scias la Expo-estroj, kaj denove nur du semajnojn antaŭ la inaŭguro de la foiro, HEF ricevis la akceptindan proponon. La fakto, ke ili atendis ĝis la lasta momento por kontakti nin ŝuldiĝas —plej verŝajne— al tio, ke eble

ne ĉiuj standoj luiĝis ĝustatempe. Tamen mi ŝatas ankaŭ pensi, ke la organizantoj opinias interesa kaj alloga la ĉeeston de Esperanto en la Expo-lingvejo.

Kaj jen HEF, denove ĉi-jare en anguleto de la sesbuda lingvo-kiosko. Jam tri-foje samloke, preskaŭ hejme do. Krom la stando, ankaŭ du prelegoj kaj novaj ĉebudaj montrindaĵoj. Sed pri detaloj, kiel jam pasint-jare, prefere parolu la deĵorantoj mem. Certe tiel la bildo




Modesta budo

aperos multe pli alloge bunta kaj interesa.

*Ana Manero*

* * *

Jen reala dialogo okazinta en Expolingua, kompreneble, en la hispana:

—Ĉu vi jam scias kio estas Esperanto?

—Ho jes, mortinta lingvo, ĉu?

—Nu, ... ne ĝuste tia. Se vi permesos al vi, mi volonte klarigos kelkajn detalojn...

—Konsente.

(ĉu mi rimarkis defian moduladon en ŝia voĉo?... Pah!... Paranojo!)

—Tiu ĉi lingvo ja vivas kiel pruvas tiom da homoj ĝin uzantaj ĉiutage, jen parole, jen skribe. Krome la literaturo en E-o abun...

—Tamen mi trovis neniun esperantiston dum mi venadis tien ĉi!

(kun rideta vizaĝo, aŭ almenaŭ mia grimaco revis esti tia:)

—Certe vi preterpasis multajn, sed okazas ke e-istoj estas hontemaj kaj for-



La intereso ne falas



Plurspecaj "informiloj"

viŝas la vorton "ESPERANTO" de sur niaj fruntoj, forlasante niajn hejmojn!

(bona ŝerco, kial do ŝi ne ridas?, kapitulacu Juan, kapitulacu)

—Ankaŭ ne espekteblas reklamoj pri tiu ĉi mortinta lingvo ĉe televido, radio, ĵurnaloj aŭ surstrate.

(denove "mortinta". Se mi insistas pri mia konstraŭstaro al tiu vorto mi aspektos malagrabla. Sed se mi agas preteratentante ĝin ŝajnus kvazaŭ mi rezignus ke ŝi pravas. Kion do? Rapidu Juan, rapidu. Ŝi ja atendas)

—Konvena reklamo ja multekostas kaj tial ke ni ne serĉas monprofiton estas malfacile konkuri kun veraj negocoj. Vidu ekzemple: senpaga e-kurso per la reto, malmultekostega e-metodo sur tiu breto,...

—Kiam tiu ĉi ... lingvo estis kreita?

(Neniam antaŭe mi tiom amis tri punktojn!)

—Je 1887, ĉe la sama jaro kiam Coca-Cola estis elpensita. Kia hazardo, ĉu?

—Almenaŭ unu el ili estas jam internacia! (ŝi ridetante, mi ne).

—Bonege, mi konstatas ke vi komencas entuziasmiĝi pri la ideo.

—Ja ideo bonas -ŝi diras-: komuna lingvo por ĉiuj; facila...? (mi kapjesas); enhavanta internaciajn vortojn? (mi kapjesas); nur unu labora lingvo en la UE kiu ebligos grandan ŝparon? (mi kapjesas); kaj nekomparebla ŝparo por tiu, kiu lernas ĝin... ("sed" estas venonta, mi certas...) Sed...

—Hmm?!

—Mortinta!

Tie, sola, mi staris malgrande, antaŭ malgranda budo, rigardante kiel ŝi malrapide malproksimiĝis. Ŝi ne turnis sian kapon kaj ŝia longa nigra hararo tute kaŝis ŝian vizaĝon. Sed mi certis ke ŝi ridetas. Ŝi ridetis per sia tuta korpo venkinta. Ŝi lerte ludis min. Unue ŝi min streĉigis por konstati kiel alte mi kapablas iri. Laste ŝi sin montris komprenema por ke mi forigu mian defendkapablon. Tiel la lasta bato doloris pli.

*Juan Castillo*

* * *

En sia interreta Bitakoro, Manuel Pancorbo komentas jene la partoprenon

de HEF en Expolingua sub la titolo "Montri nian lingvon eksteren":

"... Temas pri bazareca budaro kie lingvaj lernejoj proponas siajn klasojn kaj vojaĝojn instrucelajn; eldonejoj montras siajn lastajn vortarojn aŭ lernolibrojn; ankaŭ estas prilingvaj instituciaj budoj (ekz., la Goethe-instituto aŭ la Cervantes-instituto) kaj turismecaj budoj kiuj celas altiri la atenton al siaj landoj.

La budo "esperanto" estas iom aparta, kompreneble! Ĉi-jare nin invitis la organizantoj kontraŭ dekono da la normala kosto, pro ilia intereso ke ni buntigu la foiron: ni jam de ses jaroj partoprenas! Estas kuraĝiga sperto deĵori en la budo kaj atenti la scivolemajn homojn, kiu apartenas al du specoj: kiuj jam scias kio estas esperanto kaj deziras plu scii, kaj kiuj neniom scias pri kio temas tiu stranga vorto. Tiujn du grupojn siavice konsistigas homoj kiuj ne kontraŭas aŭ apogas la ideon de internacia lingvo, kaj kiuj ja verve diskutas nekonsente.

Tamen ĉiuj forlasas la budon kun pli pozitiva impreso pri la lingvo; kelkaj eĉ kunportas aĉetitan vortaron aŭ lernolibron! Kaj, kiel mi diris, tiu sperto varmigas nian koron, ĉar ni prezentas la lingvon en la plej favoraj kondiĉoj kaj al la plej taŭgaj homoj — interesatoj pri lingvoj, lingvolernado, lingvinstruado kaj filologoj. Estas vera plezuro rigardi la gapesprimon de la demandintoj kiam ili konscias pri la (relativa) facileco de la lingvo, pri la libroj, pri Pasporta Servo...



HEF proponis al la diversaj vizitantoj du prelegojn

* * *

Bonega sukceso en Expolingua, la foiro-kongreso pri lingvoj okazinta en Madrido de la 26a ĝis 28a Marto.

La budo de HEF estis vizitita de multnombraj scivolemuloj kiuj povis konstati la ekziston de nia literaturo per la elmontritaj libroj, inter kiuj okupis honoran lokon "Gran Diccionario Español—Esperanto", la nova PIV kaj Don-Kiĥoto. Modernega komputila plata ekrano montris per senhalta programo ĉiujn atutojn de nia lingvo, precipe pri libroj, retaj kursoj, radiostacioj, retpaĝoj, babilejoj, Google esperantlingva, ktp.

En la vendredo, sukcese prelegis Toño del Barrio pri la historio de Esperanto en Hispanio kaj pri Gran Diccionario. Dimanĉe Pedro Hernández prelegis pri la gramatiko de Esperanto.

*Darío Rodríguez*

# Jarraporto pri aktivaĵoj

## (Resumo)

### Aktivaĵoj ĉefe en rilato al la membroj

1. **Oficejo**

1.1. Administrado de kotizoj kaj servoj.

2. **Eldonaĵoj**

2.1. Aperis akurate la 5 numeroj de Boletín.

3. **Kongresoj**

3.1. Hispana Esperanto-Kongreso okazis en Valencio, de la 15a ĝis la 20a de julio.

### Aktivaĵoj por la publiko ĝenerale

1. **Kursoj**

1.1. Daŭre aktivis la Perkoresponda Kurso (kvin novaj kursanoj en 2003).

2. **Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj**

2.1. Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

2.2. Helpo al kinreĝisoro Ramón Barea, por bone etosigi sian lastan filmon "La pedalaŭto" (*El coche de pedales*), en kiu Esperanto havas rolon. HEF ankaŭ tradukis la esperantajn frazojn kaj dialogojn de la filmo. Fine ĝi peris la kontakton kun la valenciaj esperantistoj, ĉar la filmo realiĝis en tiu regiono.

2.3. Studentoj. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo, aŭ pri la esperanta movado, por plenumi siajn akademiajn taskojn.

3. **Disvastigo**

3.1.Expolingua. De la 20a ĝis la 23a de mayo. Kvina partopreno de HEF en ĉi-tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: distribuado de la imform-triptiko "*Esperanto, una cultura viva*", ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp., inform-distribuado pri esperanto kaj HEF (ĉirkaŭ 3000 diversaj ekzempleroj). José M-a Salguero prelegis pri la temo: "*Kio estas esperanto*?"

3.2. HEF sisteme distribuis la Manifeston de Prago.

3.3. 15a de decembro. Prezentado de "*Gran Diccionario Español-Esperanto*" de Fernando de Diego en la Publika Biblioteko de Gvadalaĥaro, koincide kun la Tago de la Esperanta Libro; kaj prelego pri la historio de la organizita Eo-movado en Hispanio, okaze de ties centjariĝo. Ambaŭ eventoj far Toño del

WWW.esperanto-es.net

Barrio, direktoro de Fundación Esperanto.

4. **Donacoj**

RNE1. Programo "*No es un día cualquiera*" (ĉi tago ne ajnas). HEF donacis al ĝi ekzempleron de la disko "Kristnaska kordo", ĵus eldonita de la koruso "Akordo".

5.**Amaskomunikiloj**

5.1. Intervjuoj al pluraj membroj de HEF en amaskomunikiloj (RNE, COPE, Onda Cero, Radio Economía).

5.2. En la ĵurnalo El Mundo de la 13a de aprilo aperis anonco pri Esperanto, pagita parte de HEF kaj ĉefe de S-ro Mijoshi.

6. **Internet**

HEF disponas akurate aktualigitajn informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj. (www.esperanto-es.net)

7.**Biblioteko**

Ĝi estas libere alirebla de ĉiuj, sed hef-anoj havas prunt-rajton. Ĉi jare alvenis 134 novaj specimenoj.

8. **Aliaj aktivaĵoj**

8.1. Akademio de Esperanto. Miguel Gutiérrez, membro kaj estrarano de HEF, estas akademiano.

8.2. Celebrado de la centariĝo de la organizita Eo-movado en Hispanio. Ĉefe per prelegoj, jen ene de la movado en kongresoj, jen ekster ĝi en publikaj ejoj. Ĉi kampanjo daŭros ankaŭ venontjare kaj ĝin gvidas Toño del Barrio.

*La sekretario: Manolo Parra*

# Biblioteko Juan Régulo

Pasintan jaron 2003, la Biblioteko Juan Régulo Pérez pruntis 120 specimenojn. Ja tre modesta rekordo, kiu tamen montras ties kreskan evoluon:

| Jaro | Nombro de pruntoj |
|---|---|
| 1995 | 21 |
| 1996 | 14 |
| 1997 | 24 |
| 1998 | 50 |
| 1999 | 66 |
| 2000 | 118 |
| 2001 | 118 |
| 2002 | 109 |
| 2003 | 120 |

*Ana Manero*

## Balance de Situación

## Federacion Española de Esperanto

| ACTIVO | EJERCICIO 03 | EJERCICIO 02 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 62.358,84 | 62.312,84 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215. APLICACIONES INFORMATICAS | 768,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 61.590,24 | 61.544,24 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221. CONSTRUCCIONES (OFICINA CEN.) | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 6.457,30 | 6.336,25 |
| 225. MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226. EQUIPOS PROCESOS DE INFORMACIÓN | 4.280,86 | 4.159,81 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales en curso | 2.257,63 | 2.211,63 |
| 232. BIBLIOTECA | 2.257,63 | 2.211,63 |
| 7. Amortizaciones | -7.225,90 | -7.104,85 |
| 282. AMORT. ACUM. INMO. MATERIAL | -7.225,90 | -7.104,85 |
| D) ACTIVO CIRCULANTE | 13.035,70 | 13.859,78 |
| II. Existencias | 1.987,16 | 2.525,15 |
| 1. Comerciales | 1.987,16 | 2.525,15 |
| 300. MERCADERÍAS (libros para vender) | 1.987,16 | 2.525,15 |
| III. Deudores | 1.057,54 | 1.653,65 |
| 4. Deudores varios | 1.057,54 | 1.653,65 |
| 440. DEUDORES | 60,10 | 60,10 |
| 447. PATROCINAD. AFILIADOS Y OTROS | -404,00 | 0,00 |
| 553. C.C. CON SOCIOS Y ADMINISTRADORES | 1.401,44 | 1.593,55 |
| VI. Tesoreria | 9.926,38 | 8.885,25 |
| 570. CAJA (euros) | 643,54 | 410,56 |
| 572. BANCOS E INST. DE CREDIT., C.C. VISTA | 9.282,84 | 8.474,69 |
| VII. Ajustes por periodificación | 64,62 | 795,73 |
| 480. GASTOS ANTICIPADOS | 64,62 | 795,73 |
| TOTAL ACTIVO | 75.394,54 | 76.172,62 |

| PASIVO | EJERCICIO 03 | EJERCICIO 02 |
|---|---|---|
| A) FONDOS PROPIOS | 75.337,54 | 75.679,21 |
| I. Capital suscrito | 75.679,28 | 71.398,33 |
| 101. FONDO SOCIAL | 75.679,28 | 71.398,33 |
| VI. Pérdidas y ganancias (Beneficio o Pérdida) | -341,74 | 4.280,88 |
| 129. PERDIDAS Y GANANCIAS | -341,74 | 4.280,88 |
| E) ACREEDORES A CORTO PLAZO | 57,00 | 493,41 |
| IV. Acreedores comerciales | 57,00 | 75,01 |
| 2. Deudas por compras o prestaciones de servicios | 57,00 | 75,01 |
| 410. ACREEDORES POR PRESTAC. DE SERVIC. | 0,00 | 50,00 |
| 419. ACREEDORES POR OPERAC. EN COMÚN | 57,00 | 25,01 |
| VII. Ajustes por periodificación | 0,00 | 418,40 |
| 485. INGRESOS ANTICIPADOS | 0,00 | 418,40 |
| TOTAL PASIVO | 75.394,54 | 76.172,62 |

**Alvoko al la**

# Ĝenerala Kunsido de HEF

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas la membraron al la Eksterordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en la Centra Oficejo de HEF em Madrido la 15an de majo de 2004 je la 10:00 horo, por pritrakto de jena temo:

1. Prezento kaj eventuala aprobo de la dokumentaro prezentenda al la Ministrejo pri Enlandaj Aferoj (*Ministerio del Interior*).

*La sekretario: Manolo Parra*

✓ Noto 1: Resumon de tiu dokumentaro trovu en apudaj paĝoj. Ĉiu membro deziranta ekzameni ĝin detale, kontaktu la sekretarion.

✓ Noto 2: Ĉi formalaĵo validos eĉ se partoprenos nur kelkaj membroj.

✓ Noto 3: La Ordinara Ĝenerala Kunsido okazos, kiel kutime, en la kadro de la Hispana Kongreso, ĉi-jare en Bilbao .

## Cuenta de perdidas y ganancias

| DEBE | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 11.438,77 | 8.000,92 |
| A2. Aprovisionamientos | 793,03 | 500,47 |
| a) Consumo de mercaderías | 793,03 | 500,47 |
| 600. COMPRAS DE MERCADERÍAS (libros) | 255,04 | 1.245,47 |
| 610. VARIA. EXISTEN. DE MERCADERIAS | 537,99 | -745,00 |
| A4. Dotaciones para amort. de inmovilizado | 121,05 | 386,96 |
| 682. AMORT. DEL INMOV. MATERIAL | 121,05 | 386,96 |
| A6. Otros gastos de explotación | 10.524,67 | 7.036,13 |
| a) Servicios exteriores | 10,124,67 | 6.576,98 |
| 622. REPARACIONES Y CONSERVACION | 0,00 | 226,53 |
| 623. SERVICIOS DE PROF. INDEPEND. | 232,00 | 146,16 |
| 625. PRIMAS DE SEGUROS | 60,49 | 0,00 |
| 626. SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 250,44 | 254,41 |
| 627. BOLETÍN, EXPO, ETC. Y REL. PÚBLICAS | 6.238,25 | 3.214,55 |
| 628. SUMINISTROS | 707,72 | 163,28 |
| 629. TELÉFONO, COMUNIDAD, ETC | 2.635,77 | 2.572,05 |
| b) Tributos | 0,00 | 51,55 |
| 631 OTROS TRIBUTOS | 0,00 | 51,55 |
| c) Otros gastos de gestión corriente | 400,00 | 407,60 |
| 655. Perdidas de cuotas incobrables | 400,00 | 407,60 |
| AI. BENEFICIOS DE EXPLOTACIÓN | 0,00 | 1.491,35 |
| A7. Gastos financieros y gastos asimilados | 0,02 | 0,01 |
| c) Por deudas con terceros y gastos asimilados | 0,02 | 0,01 |
| 6690. GASTOS POR REDONDEO DEL EURO | 0,02 | 0,01 |
| AII. RESULTADOS FINANCIEROS POSITIVOS | 0,00 | 0,07 |
| AIII. BENEF. ACTIVID. ORDINARIAS | 0,00 | 1.491,42 |
| A13. Gastos extraordinarios | 0,00 | 77,35 |
| 6780. GASTOS POR INTRODUCCION DEL EURO | 0,00 | 77,35 |
| AIV. RESULT. EXTRAORDINARIOS POSITIVOS | 399,00 | 2.789,53 |
| AV. BENEFICIOS ANTES DE IMPUESTOS | 0,00 | 4.280,95 |
| AVI. RESULTADOS DEL EJERCICIO (BENEF.) | 0,00 | 4.280,95 |

| HABER | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS (B1 a B13) | 11.097,10 | 12.281,87 |
| B1. Importe neto de la cifra de negocios | 9.661,22 | 9.261,91 |
| a ) Ventas (libros) | 1.054,92 | 818,63 |
| 700. VENTAS DE MERCADERIAS (libros) | 1.054,92 | 818,63 |
| b) Prestaciones de servicios | 8.606,30 | 8.443,28 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 0,00 | 520,40 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS. | 226,50 | 218,43 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS. | 8.229,80 | 7.630,75 |
| 723. INGRESOS COLABOR./CONGRESOS. | 150,00 | 0,00 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS. | 0,00 | 73,70 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 1.036,88 | 153,00 |
| a) Ingresos accesorios y otros de gestión corriente | 1.036,88 | 153,00 |
| 759. INGRESOS POR SERVICIOS DIVERSOS | 1.036,88 | 153,00 |
| | | |
| BI. PERDIDAS DE EXPLOTACION | 740,65 | 0,00 |
| B7. Otros intereses o ingresos asimilados | 0,00 | 0,08 |
| c) Otros intereses | 0,00 | 0,08 |
| 7690. INGR. POR REDONDEO EURO | 0,00 | 0,08 |
| | | |
| BII. RESULTADOS FINANCIEROS NEGATIVOS | 0,02 | 0,00 |
| | | |
| BIII. PERDIDAS DE LAS ACTIV. ORDINARIAS | 740,67 | 0,00 |
| B12. Ingresos extraordinarios | 399,00 | 2.866,88 |
| 778. INGRE. EXTRA. (LIQUID. LIBROSERVO) | 399,00 | 2.866,88 |
| | | |
| BV. PERDIDAS ANTES DE IMPUESTOS | 341,67 | 0,00 |
| BVI. RESULTADOS DEL EJERC. (PERDIDAS) | 341,67 | 0,00 |

**Kontonumero de**

**HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**

## Klariga Noto pri la kontoj

Ne enkalkulante tiujn 1.000 eurojn donacitajn de japana esperantisto por informado pri esperanto, la plej signifaj ciferoj de la "Bilanco pri Perdoj kaj Gajnoj" estas jenaj:

Notu ke interkrampe aperas la elcenton rilate al la tuto.

| | | |
|---|---|---|
| Enspezoj: | | 10.097,10 |
| Enspezoj pro kotizoj: | (81,50 %) | 8.229.80 |
| Vendo de libroj: | (10,45 %) | 1.054,92 |
| | | |
| Elspezoj: | | 10.438,77 |
| Boletín: | (29,34 %) | 3.062,47 |
| Expolingua: | (13,69 %) | 1.428,98 |
| Informado: | (7,03 %) | 734,00 |
| (kotizoj al UEA kaj EEU, ejo-kostoj, poŝto, telef. ktp.): | (25,25 %) | 2.635.77 |

Nu, konstateblas ke HEF grandparte dependas de la membrokotizoj, kaj, okaze de ajna malkresko, la asocio ne povus efektivigi plurajn el siajn aktivaĵojn. Tial HEF bezonas pliajn membrojn kaj pliajn enspezfontojn (kiaj estas vendado de libroj, profitdonaj kongreso, ktp.).

| | |
|---|---|
| Kontanta mono je 31-12-2004 (Banko, kaso, UEA) | 11.327.82 |
| Libroj por vendo en la Centra Oficejo (Madrid) | 1.987,16 |

La komputiloj, printiloj, meblaro, programaro kaj faksilo estas plene amortizitaj.

*Pedro A Garrote*

### HEF-Kotizoj

| | |
|---|---|
| OM ordinara membro | 29,00 € |
| OM kun junulkarto | 26,10 € |
| PM patrona membro | 58,00 € |
| KM kolektiva membro | 58,00 € |
| EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) | 24,00 € |



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Andaluzio

Sevila Esperanto Asocio jam havas retpaĝon ĉe: <http://esperanto_sevilo.olimpo.org>.

La esperanta versio estas atingebla per la adreso: <http://personales.com/espana/sevilla/Esperanto>.

Ankaŭ oni povas viziti ties forumon, ĉe MSN-Messenger, en la retadreso: <http://groups.msn.com/Esperantoen-Seviljo>.

## Asturio

En marto okazis en Gijon la 6a Festo de la Lingvoj, kiu celas konsciigi la publikon pri la bezono lerni fremdajn lingvojn. Astura Esperanto Asocio partoprenis, kiel kutime, en tiu evento pere de stando, en kiu oni informis pri la ekzistado de la Internacia Lingvo kiel proponita solvo de la lingva problemo. Tial, per mesaĝo al la publiko, cetere aperinta en la revuo de la Festo, AEA substrekis ke la plukonstruado de la Eŭropa Unio devas baziĝi sur la egalrajteco kaj ekvilibro inter la landoj de la Unio, sen maljustaj avantaĵoj por iu(j), ankaŭ en la lingva tereno. Kompreneble, AEA proponis Esperanton kiel komunan lingvon, ĉar neŭtrala kaj facila.

*Faustino Castaño*

## Ekstremaduro

* La projekto de libervola instruado de E-o, ellaborita de José María Salguero en la mezlernejo *Cuatro Caminos* de *Don Benito* (Badajoz) aperis en la regiona revuo La Gaceta, senpage distribuata en ĉiuj lernejoj.

*M.Z.*

## Kanariaj Insuloj

* La Universitata Kurso de Esperanto en la Universitato de La Laguna, Tenerifo (Kanarioj) jam komenciĝis, kadre de la Filología Fakultato, sub gvidado de samideano Profesoro Alejandro F. López de Vergara. La kurso valoras tri universitatajn kreditojn.

* La 23an de marto, je la 20:00 UTK komenciĝis E-Kurso per Radio Ibaute. Gvidas ĝin samideano Wladimir, kaj kunlaboras kelkaj anoj de ESTo. La unua klaso respondis al kutimaj demandoj: Kio estas Esperanto? Kiuj parolas ĝin? Kion celas la esperantistoj? ktp...

Radio Ibaute estas FM-radiostacio kiu elsendas de San Andres (Tenerifo), kaj oni povas ĝin aŭskulti rekte aŭ pere de interreto <www.radioibaute.com>.

Frata kunmanĝado de la lernantaro en la sidejo de KantEA

## Kantabrio

* En februaro, KantEA oficiale inaŭguris sian "Virtualan Bibliotekon". La komenca nombro da dokumentoj estas 400: libroj en diversaj elektronikaj formatoj, revuoj, artikoloj, kursoj, ktp. S-ro Juan Azcuenaga, respondeculo de la biblioteko, informis dum la prezentado pri baldaŭa duobligo de la nombro de dokumentoj je la dispono de membroj de la asocio kaj aliaj interesitoj.

* En februaro, la membroj de KantEA ekskursis al la regiono Liebana kaj vizitis la plej altan vilaĝon de la Komunumo: Cucayo. La ekskurso de marto estis aventura esplorado en la regiono de la rivero Asón.

* La lernantoj de la vintra kurso aranĝis fratan kunmanĝadon en la ejo de KantEA.

*M.Z.*


Diario de Burgos

Lingvo por la tuta mondo

## Kastilio-Leono

* Sur la 16a paĝo de la ĵurnalo Diario de Burgos (04.02.18), sub la titolo Lingvo por la tuta mondo (tiel en la originalo), oni publikigis tutpaĝan artikolon pri Esperanto, kun interesa kaj varia enhavo. Kun aparta emfazo oni prezentas la rilaton de la urbo al la lingvo, ĉar, en la tridekaj jaroj, ĝi estis la nacia sidejo de la Hispana Societo por la Propagando de Esperanto (HSPPE).

* La 2an de aprilo en Burgos en salono de Caja Burgos, Rafaela Urueña, Universitata Profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid kaj Eksprezidantino de HEF, prelegis hispanlingve pri "Esperanto, de sus origenes al siglo 21" (Esperanto, la komencoj al la dudekunua jarceto). Estis ne multaj ĉeestantoj tamen ili montris grandan intereson kaj faris kelkajn demandojn pri



Rafaela Urueña kaj Pedro Garrote en la prelego okazinta en Burgos



Gelernantoj de la supera kurso 2003-2004 en la BEC-sidejo

E-retadresoj al Pedro Garrote, Kasisto de HEF, kiu en la fino, aldone faris ne longan komenton pri diversaj libroj, kiujn li transdonis al la direktorino de la Urba Biblioteko, interalie ekzempleron de Gran Diccionario Español—Esperanto.

Rilate al amaskomunikiloj, SER dissendis kvaronhoran rektan intervjuon de Benito Nieto al Rafaela Urueña, kaj noteto aperis en Diario de Burgos.

*Luis Hernández*

## Katalunio

* 3aj Someraj Dialogoj okazos en la restadejo Esperanto en Monistrol de Montserrat (Barcelono) la 4an kaj 5an de septembro. La programo inkludas prelegojn kaj E-lecionojn, turisman viziton, ktp. Kompleta pensiono en dulita ĉambro kostas 38 eŭrojn por persono kaj tago en Hotelo Guilleumes. Nur tagmanĝo 9 eŭrojn. Koresponda adreso: Salvador Aragay; Cami del Pou 9; ES-08691 Monistrol de Montserrat; Barcelono. Tel: 645.404.755.

* Favora artikolo pri Esperanto, rilate al la grupo "Kaj Tiel Plu" aperis en "El País" (kataluna eldono).

*Hèctor Alòs*

* La katalunlingva reta ĵurnalo "Vilaweb" <www.vilaweb.com> publikigis en marto artikoleton pri la brazila Esperanto-kurso, elŝutebla nun ankaŭ en la kataluna lingvo.

La adreso de la kurso en la kataluna kaj la kastilia estas jena: www.kurso.com.br/bazo/index.html

*Darío Rodríguez*

* En "El Periódico de Catalunya" (04.04.18), aperis artikolo de prestiĝa eksprofesoro de la Barcelona Universitato Miquel Siguan, kun rekta tre favora aludo al Esperanto kiel interkomunika lingvo por Eŭropo.

*Darío Rodríguez*

* BEC partoprenas en la konkursa kampanjo de UEA "Membro-membron", kiu daŭros ĝis la fino de junio.



Giordano Moya (la tria dekstre) en la prezentado de sia libro en la sidejo de BEC.



Giordano Moya, Salvador Aragay kaj Firdaŭs Ŝukuvon

* S-ano Vicente Hernández Llusera estis elektita kiel Honoran Membron de Barcelona E-Centro "pro lia giganta E-verkado kaj kunlaborado dum 70-jaroj".

* La biblioteko "Vapor Badia" de Sabadell, ricevis en februaro donacon el pluraj libroj, inter ili PIV kaj ekzemplero de Gran Diccionario Español-Esperanto.

* La temo de la marta babilado okazinta en Casinet, sidejo de BEC, estis "Ĉu nia socio estas violenta?" Krom la kutima diskutado, oni prezentis la libron de Giordano Moya "Horizonte del Esperanto", hispanlingva traduko de "Esperanto en Prospektivo", antaŭe publikigita en la korea lingvo. La tradukon faris la gelernantoj de la supera E-kurso de BEC, kaj la prezo de la A4-formata libro estas 10 eŭroj. Inter la 36 partoprenantoj estis pluraj eksterlandanoj, inter ili s-ro Firdaŭs Ŝukuvon el Taĝikio.

* La aprila babilado okazos kiam ĉi bulteno estos jam en la presejo. Ĝi temos pri "La universitato", kaj ĝi okazos en Sabadell.

*Luis Serrano*

## Madrido

* Aperis en la 8a paĝo de la senpaga, tre legata ĵurnalo, "Metro", letero de Lupe Sanz kun pluraj demandoj rilate al la tradukproblemoj, kiujn EU (Eŭropa Unio) devos alfronti post ĝia kresko (10 pliaj landoj). En sekva numero aperis favora respondo.

* La organizantoj de la publika legado de Don Kihhoto anoncis en gazetara konferenco la legado en Esperanto. Ankaŭ la senpaga ĵurnalo "20 minutos" informis per noto.

* SATeH partoprenis aranĝon en la Universitato Carlos III: <www.jornadas-solidarias.tk>. Toño del Barrio skize parolis pri la historio de E-o. La dudeko da ĉeestantoj demandis, kun intereso,

**Post "Gran Diccionario Español-Esperanto"**

**Jen alia bonega novaĵo:**

## "ESPERANTO: LENGUA Y CULTURA"

hispanlingve verkita de Antonio Valén, kunordiganto de Gran Diccionario.

Ĉi 200-paĝa verko estos prezentata al la publiko la 28an de aŭgusto de 2004 en Bilbao, kadre de la 63a Hispana Kongreso, sed, same kiel okazis rilate al "Gran Diccionario", **oni povas jam antaŭmendi**

kaj ĝui grandegan rabaton.

**ATENTU!**

Se vi, aŭ via grupo, mendos 5 au pli da ekzempleroj,

vi ricevos la libron kontraŭ **nur 8 eŭroj**!

Jes, vi bone legis. Nur 8 eŭroj... kaj vi NE devos pagi sendokostojn.

Se vi mendos unuope, t.e. nur unu ekzempleron por vi,

vi ricevos ĝin kontraŭ nur **10** eŭroj! kaj vi NE devos pagi sendokostojn.

Sed se vi prenos mem vian ekzempleron en la kongreso de Bilbao,

vi pagos nur **8** eŭrojn!

Kompreneble, estas dezirinde ke Grupoj kaj Asocioj kunordigu kolektivan mendon en siaj urboj kaj regionoj, kun la celo ŝpari tempon kaj monon.

Ni proponas do ke ĉiu faru sian mendon pere de la loka grupo.

Kiel mendi: Pagu REKTE en oficejo de BBVA, kontonunero: 0182-3834-30-0200964425, kiu aperas sub la nomo de Miguel Gutiérrez, la koncernan sumon. Se vi pagos pere de alia banko, aldonu la kostojn (pago per ĉeko ne akcepteblas). Poste sendu kopion de via pago al: mga; Los Coteros 1 C, 2 Iz; 39600 Muriedas; Cantabria. aŭ nur informu al <liven@wanadoo.es>.

* Lasta tago por akcepto de antaŭmedo estas la **30a de junio**

** Eksterlandaj mendantoj demandu ĉe <liven@wanadoo.es>.





# Xplora

La revuo *Xplora* aperigas sur sia aprila numero, la 11a, 6-paĝan legindan artikolon pri esperanto. La aferon oni prezentas tre, tre bone kaj la fotoj estas allogaj. La kerno de la artikolo ŝajnas esti intervjuo kun Ana Manero. Oni aperigas ankau mallongajn informojn por detrui la ĉiamajn diraĵojn pri esperanto, ekz. utilas por nenio, neniu parolas ĝin, la angla estas pli bona lingvo... Mi konsilas al ĉiuj legi la artikolon, mi pensas ke ĝi estas la plej bona artikolo pri nia lingvo kiu ĝis nun aperis sur scienca revuo en Hispanio. Mi opinias, ke oni devas sendi reagojn al la revuo, ĉi tiel leteroj al la direktoro pri esperanto aperos sur la venonta numero.

*Jose Maria Rodriguez*

---

danke al la sema laboro antaŭfarita de Pedro M. Sanz. Ankaŭ ĉeestis profesoro de la universitato.

*Manolo Parra*

## Murcio

Aperis la 61a numero de Kajeroj el la Sudo. Ĝi legeblas senpage ĉe:

www.iespana.es/esperanto/k61.htm
www.gazetoteko.com/kajeroj/k61.htm
http://213.172.47.3/gazetoteko/kajeroj/k61.htm

*Jesuo de las Heras*

## Valencio

* Kun granda bedaŭro ni sciigas ke la 18an de februaro 2.004 forpasis nia kara samideano Francisco Sánchez Antón. Li aĝis 82 jarojn, sed spite al lia aĝo kaj al tre grava malsano, li ĉiam laboris, serioze kaj fervore, por eduki kaj plibonigi la homojn kiuj ĉeestis la E-kursojn, kiun li instruis jaron post jaro. Li restos por ĉiam en nia memoro kiel fidela samideano, diligenta instruisto kaj bonega amiko. Ni esprimas al lia edzino Carmen, al

la gefiloj kaj al la nepoj, tre sinceran kondolencon. Ripozu en trankvilo.

* La 25an de februaro okazis la Ordinara Ĝenerala Kunsido de la Valencia Grupo, kiu pritraktis la renovigon de la Estraro.

*M.Z*

## Ĝenerale

* En la sekcio "Vivi por vidi" de la ina gazeto Lecturas (numero 2709), sub la titolo la grandaj eltrovaĵoj: Esperanto, oni povas legi, kompreneble hispanlingve, etan informon pri la internacia lingvo.

*L. Hernández*

* La politika partio "Cultura natural" inkludis en sia programo por la pasintaj balotadoj jena: "*Incluimos idioma internacional esperanto, en centros educativos y relaciones internacionales. Más fácil, más de todos, produciendo demostrado desbloqueo y potenciación de la zona cerebral del lenguaje, con apertura al estudio de más idiomas*".

*Nia Voĉo*

* En februaro, la magazino El Semanal aperigis anoncon pri alia magazino kiu tekstas: "Sergio Garcia scipovas 17 lingvojn kaj Esperanton. Sed li ne scipovas investi". Sempaga propagando, kiun ni devas ja pozitive konsideri.

*Iván Moratinos*

**Ĉu HL-8 en Bilbao?**

**Jes... Pio Baroja!!!**



Grupo da polaj geesperantistoj vizitis la sidejon de la Valencia E-Grupo

* La 30an de marto, la "Nueva España" publikigis tre favoran artikolon pri Esperanto, sub la titolo "Esperanto estas helplingvo kiu respektas ĉies lingvojn" (El esperanto es una lengua auxiliar que respeta las propias").

* Antonio Valén estis intervjuata de Pilar Socorro en la programo "Cita con Pilar" (Rendevuo kun Pilar) elsendita de Radio 3 de Radio Nacional de España. Alvenis al la radia redakcio multnombraj mesaĝoj per retpoŝto, retbabilejo kaj telefono. Pilar reliefigis speciale la mesaĝon senditan el Boston fare de Roberto Pérez Franco kaj tiun de la malnova aŭskultanto de tiu programo, kaj membro de nia forumo, Omar Rajan, el Tenerifo.

*Darío Rodríguez*

* Jam ekzistas laborteamo por traduki al Esperanto la dialogojn de la filmo "El coche a pedales". La projekto celas la aldonon de subtitoloj, tiel ke la aĉetantoj de la filmo povos ĝui ĝin en la internacia lingvo, aŭ simple konstati ĝian ekziston.

# Publika laŭtlegado de "El Quijote"

De antaŭ 8 jaroj, la kultura madrida institucio "Círculo de Bellas Artes" organizas publikan laŭtlegadon de la romano La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha, okaze de la Librotago, kiu omaĝas la datrevenon de la morto de ĝia verkisto, Miguel de Cervantes, la 23an de aprilo. La 22an de aprilo ekis la afero je la 12:00.

Legado efektiviĝas hispane, kompreneble. Sed jam plurfoje, en alijaraj publikaj legadoj, aŭdiĝis tradukoj en diversaj lingvoj. Ĉi-jare, la lingvo esperanto premieris en tiu evento per tri pecetoj de la traduko fare de Fernando de Diego. Tio okazis proksimume je la 19:00, per la sinsekvaj voĉoj de Juan del Castillo, Ana Manero kaj Toño del Barrio, kiu instigis tiun plian antaŭenpaŝon kiel direktoro de Fundación Esperanto.

La etoso en la legosalono estas vere bunta, kaj ĝin konsistigis kaj elstaruloj kaj surstratuloj kiuj enviciĝas por legado aŭ simple sidiĝas kaj aŭskultas. Ekstere, juna paro kostumita per 16-jarcentaj vestoj, donacadis rozojn al partoprenintoj, laŭ imitinda kataluna tradicio por la Librotago. Ne leviĝis aparta intereso pro la ekvenonta esperanta legado, sed jam ĵurnalisto de hispana tutlanda televido petis ke ni fruiĝu nian partoprenon por filmado. Kaj ni volonte faris, kompreneble. Negative rimarkindas tio ke, krom la



Juan del Castillo legis unue

legontoj kaj tiu ĉi raportisto, neniu plia esperantisto venis.

Kiel dirite, Juan komencis la esperantan legadon -kiun hazardo koincidigis kun la komenco de 21a ĉapitro- per tiuj vortoj Ĉapitro 21a... en esperanto, do li fiere anoncis ke temas pri nia lingvo. Poste legis Ana, kaj Toño finis la modestan kontribuon de nia lingvo -kiu entute rezultis preskaŭ unu paĝon- al tiu omaĝo al la hispana lingvo.

La legadon elsendis preskaŭ seninterrompe madrida radistacio "Radio Círculo"; krome, ĝi aŭskulteblis rete kaj per fulmaj raportetoj de aliaj radistacioj kaj televidoj. Rilate al nia mallonga partopreno, ĝi aŭskulteblis radie kaj rete, kaj, krome, bildo de leganta Juan elsendiĝis dum tutlanda nokta Telediario 2 en TVE1, dum oni emfazis tion ke temas pri la unua fojo ke esperanto aŭdeblas en publika legado de "El Quijote".

*Manuel Pancorbo Castro*






Fondo Europeo de
Desarrollo Regional
Iniciativa Comunitaria Interreg IIIA





## El la hispana al la portugala Ekstremaduro

Oktobre de 2003 ekis samtempe bazaj E-o kursoj en mezlernejoj kaj portugala kaj hispana, nome "Braancamp Freire" de Pontinha (Lisbono) kaj "Cuatro Caminos" de Don Benito (Badajoz). Jam de antaŭe ties respondeculoj kontaktis kaj planis interŝanĝon de spertoj.

Dum ĉi tiu lernojaro kontaktoj komencigis eĉ inter la lernantaro mem. Marte la planoj realiĝis. La unua vizito okazis. Grupo de donbenitanoj vizitis kaj Lisbonon kaj la lernejon en Pontinha. Tujtuje la amikiĝoj ekfloris inter hispanaj kaj portugalaj lernantoj.

Bedaŭrinde malmulto estis farita en la kursoj, kaj ne sufice da E-o oni povis uzi por interparolado. Sufiĉis malrapida uzo de ambaŭ nacilingvoj. Tamen multe oni spertis pri la graveco de lingvoj kaj ties lernado. Kaj kompreneble pri E-o.

Tiurilate en la lernejo Braancamp Freire oni instruis al la du lernantaroj uzadon de E-o babilejo kaj komunan lecionon per reta kurso. Post frata kunmanĝado oni vizitis la plej tipajn kaj famajn lokojn en belega urbo Lisbono, la Baixa, ties placojn, la kastelon Sankta Jorĝo, la riveron Taĥo, eĉ la apudmaran vilaĝon Cascais.

La semoj por amikiĝo inter hispanoj kaj portugaloj, kaj de la rolo de E-o tiurilate estas disigita. Ĉu ili fruktodonos?

*Kani*





# Amuza sperto

Mi partoprenis la radiprogramon Cita con Pilar (Rendevuo kun Pilar) gvidata de la ĉarma kaj viglomova Pilar Socorro, la 21an de februaro. La programo estas eksterordinara, kun tre mallonga skripto, ĉar ĝia disvolviĝo dependas de la reago de la aŭskultantoj, pere de retpoŝtaj, retbabilejaj kaj telefonaj demandoj.

La gasto rajtas elekti muzikon.. do ek! mi elektis tri kantojn en esperanto: Bandonio de la francoj Esperanto Trio (el la kompilo Vinilkosmo 2); En la fronto de Gandesa de la kataluna ensemblo Kaj Tiel Plu (el la albumo Sojle de la klara temp'); kaj Tempo de la rusa bando Kredo (ankau el Vinilkosmo 2). Fakte, ne eblis ludi pli pro la amaso da telefonvokoj ricevataj! La etoso en la radistudio estis frenezega car, dum Pilar ne paroladis, ŝi fingrumis sian klavaron reage al retbabilejo au agitige skribadis au foliumadis la paperojn. Ne eblis koncentrigi!



Al tiu etoso aldoniĝis la festo pro karnavalo: Pilar portis andaluzan falbalan kostumon; ŝia helpantino, Juli, portis veston omaĝe al kuba kantistino Celia Cruz... Mi aperis en vesto de entombigisto, kun tradicia hispana mantelo, cilindro-ĉapelo kaj modavangarda fiŝa kravato. La bildoj montras klare la feston, meze de la elsendo mem!

Rezulto? Klare pozitiva! Kiel mi diris, la elsendo vekis scivolon pri la lingvo inter aŭskultantoj. Ili reagis serioze per demandoj, kun antaŭjuĝoj sed sen malico. Ankaŭ la stabo sintenis tre favore al la lingvo... eĉ Pilar provis legi kelkajn esperantajn mesaĝojn!

*Manuel Pancorbo*




* La estraro de UEA akceptis la inviton de Itala Esperanto-Federacio okazigi la 91an Universalan Kongreson de Esperanto en Florenco de la 29a de julio ĝis la 5a de aŭgusto 2006.

*Informitale*

* K-diskoj: (1) Ĵomart k Nataŝa regalas nin per nova riĉa albumo "Amu min", kiu prezentas 12 kantojn verkitajn de la rusa E-poeto Mikaelo Bronŝtejn. (2) La japana La Mevo, aperigas en unusola disko ĉiujn siajn verkojn antaŭe kasede eldonitajn. (3) Kompleta esperanto-kurso sur K-disko. Kun gramatiko en nur 12 lecionoj, senpaga kursgvidanto, perfektiga kurso sub formo de romano, vortaro kaj vortara trejnado, muzikaĵoj de artistoj eldonitaj de Vinilkosmo, literaturo, eldonprogramo en Esperanto kaj multnombraj informoj kaj interretaj ligoj. Ĉio en jenaj lingvoj: nederlanda, franca, angla, germana, itala, portugala, dana, sveda, norvega kaj hispana.

* En aprilo 2004 estos disponigataj subvencioj de la nova fondaĵo "Hans", kreita por subteni la edukadon de novaj E-instruistoj en Afriko. La fondaĵo estis starigita memore al Hans ten Hagen (Nederlando 1932-2003). Ĝian komencan kapitalon — 100 mil eŭrojn disponigis nederlandaj familioj ten Hagen-Renses kaj Bakker-ten Hagen. La regularon de la fondaĵo "Hans" troveblas ĉe <www.uea.org>.

* Ankaŭ ĉi-jare la Papo eldiris paskan bondeziron en Esperanto (temis pri la deka sinsekva jaro). Kaj la e-istoj denove ĉeestis en placo sankta Petro por danki lin pro la saluto kaj montri, ke esperanto ĉeestas.

* Oni jam povas senpage akiri el la libera kantaro-vikio <www.ikso.net/kantaro> pli ol 200 kantotekstojn, kun akordoj, el la kolektoj "Kantoj sur manplato-1" kaj "Kantoj sur manplato-2".

*Ljosxa Kuznecov*

* Esperantlingva Verkista Asocio-EVA (fondita en 1983) havas novan komitaton. Por la prezidanto estis elektita Mauro Nervi, vicprezidanto Tomasz Chmielik, sekretario Spomenka Ŝtimec, kasisto Tomasz Chmielik. En la komitato krome membras Anna Lowenstein, Trevor Steele, Paul Gubbins kaj Mao Zifu.







Grupo de katolikaj esperantistoj en la placo Sankta Petro

La novan retpaĝon de EVA <www.everk.org> prizorgas Mauro Nervi.

*Spomenka Stimec*

* La esperantlingva fako de la multlingva kunlabore rete verkata enciklopedio "Vikipedio" atingis dek mil artikolojn. Ilin verkis ĉiutage kunlaborantoj el pli ol 30 landoj. Vikipedio estas multlingva projekto kun pli ol 300.000 artikoloj en pli ol 40 lingvoj. Artikoloj samtemaj en diversaj lingvoj estas simple interligitaj tiel ke leganto povas facile transiri de unu lingvo al alia kaj de unu temo al alia.

Jen vera ŝanco por Esperanto esti agnoskita kiel monda kleriga kulturlingvo. Ankaŭ vi povas kunlabori en tiu senprecedenca projekto. Konsultu ĉe http://eo.wikipedia.org

*Arno Lagrange*

# (L)iberaj junuloj

Junaj esperantistoj, subskribantaj kiel "(L)iberaj junuloj", decidis okazigi laborkunsidon pri la nuna situacio de la junulara movado kaj gxia estonteco, kadre de la Euxrop-Unia Kongreso okazonta en Bilbao.

La celo estas aranĝi interkonatigxon de junaj aktivuloj por eventuala kunlaborado pri organizado de oftaj (eble cxiujaraj) junularaj renkontigxoj, kaj pri kunordigado de ĉies streboj, anstataux agi nur loke.

Ju pli multe da gejunuloj partoprenos la kunsidon de Bilbao, des pli bone por diskuti cxiun eventualan proponon. La organiza grupo kontakteblas cxe: <www.esperanto-es.net/hejs/forumo>

# Medalo Klara Silbernik

## Celo

La Medalo Klara Silbernik naskiĝis kiel omaĝo al edzino de samideano, kiu enamiĝinta kaj entuziasma pri la e-agado de sia edzo, kiel la edzino de D-ro L.L. Zamenhof, deprenis tempon kaj dediĉon al familio kaj al ŝi mem por dediĉi ĝin al divastigo de la lingvo, al kluboj kaj ceteraj aktivaĵoj en diversaj lokoj de nia lando, al lingvistikaj kaj sociaj agoj en rilato al Esperanto. Kiam s-ro Hernández Izal metis la Medalon sur la elektitan kolon, certe li pensis, ĉar amanto de Esperanto, ke tiu medalo havas apartan signifon, kaj li diris en la nomo de la edzino de d-ro Zamenhof: "Mi, Klara Silbernik, kiel vi, ankaŭ devis multe pacienci, silenti kaj suferi, kune kun mia edzo, pri multaj aferoj rilate al Esperanto, sed ĉion mi akceptis. Ricevu la Medalon nome de Esperanto".

La unua Medalo celis iasence esti premio al Hispana Esperanto-Muzeo, kaj neniu personigis tiun ideon pli bone ol s-rino Teresa Massana de Hernández. Jen kial la unua Medalo iris al vitrino de la Muzeo, kiel atesto de la bona celo por kiu ĝi estis kreita. Tiel trafe oni metis la unuan ŝtonon.

## Konkludo

Nun ni alvenas al tempo en kiu iasence ni devos meti finon al ciklo, kaj tiucele ni elektis la edzinon de esperantisto kiu kunlaboris kun s-ro Hernández Izal, pravigante kiom multe la Muzeo ja bezonis sciencon, amon kaj dediĉon... unuvorte, la homo kiu estis fidela amiko kaj dediĉis parton de sia familia tempo al la Muzeo: d-ro Árpád Máthé.

Jen la respondo de D-ro Árpád Máthé:

«Kio rilatas al la temo de viaj leteroj mi nur parte povos respondi al vi pri ili. Ludoviko kaj mi ekde ĉirkaŭ 35 jaroj kunligas/kunligis la tre seriozajn sentoj kaj volon havi kaj legi/trastudi kiel eble plej multajn librojn, periodaĵojn kaj aliajn kulturajn dokumentojn. Komenciĝis la afero per kolektado kaj interŝanĝo. Multajn librojn kaj periodaĵojn mi povis akiri nur danke al Ludoviko. Aliflanke multaj materialoj de la fama Hispana Esperanto-Muzeo devenas el Hungario. La serioza bibliofrafia laboro komenciĝis ankoraŭ inter triopo Molera — Hernández — Máthé kaj, post la morto de s-ro Molera, aliĝis al la teamo lia filino. Danke al propra eldono de Ludoviko aperis parto de niaj rezultoj. Alia parto aperis sur paĝoj de "periodaĵoj" eldonitaj en Budapeŝto kaj redaktitaj de mi mem. Por daŭrigi tiun ĉi tre gravan iniciaton mi vidas eblon nur tiam, kiam mi fariĝos vera pensiulo (nuntempe, mi precize ne scias ĝis kiam, mi estas plentem-

pa esploristo pri kemio en la Centra Kemia Esplorinstituto de la Hungara Scienca Akademio). Eblas ke ankoraŭ nur unu jaron mi estos dungita, mi ne scias.»

35-jara kunlaboro pri esperantismo estas sufiĉe longa periodo por cementi grandan amikecon. Kun la paso de la tempo, la komuna tasko celis pli specife al bibliofrafio kaj al katalogado laŭ temoj. La tutan laboron mi ne kapablas juĝi, ĉar mi konas nur etajn partojn de la esploro. Tamen mi certas ke ambaŭ amikoj fordonis al Esperanto multajn horojn da laboro kaj longajn listojn de bibliografio por konsulto de ajna studanto.

Ambaŭ homoj meritas nian estimon kaj respekton, same kiel iliaj respektivaj edzinoj. Tial do mi proponas s-inon Csilla Máthé, edzinon de d-ro Árpád, kiel kandidatinon por ricevo de la medalo Klara Silbernik. Kompletiĝu tiel la listo, kiun foje malfermis s-ro Luis Hernández Izal, kaj hodiaŭ, kun ĉies aprobo, fermas s-rino Teresa Massana de Hernández kaj Rafael Hernández Massana en la nomo de la Muzeo.

*Joaquín Bielsa Vispe*

---

# Forpasis

Kun profunda doloro ni informas al niaj legantoj pri la forpaso de nia bona amiko kaj elstara esperantisto José Maria Bernabeu Franco. Li esperantistiĝis en 1.936, kaj de tiu momento li arde aktivis por Esperanto laŭ ĉiuj niveloj: loka, nacia kaj eksterlanda. Li partoprenis en multaj landaj kaj eksterlandaj E-kongresoj kaj estis nelacigebla kiel laboristo por nia afero. Post la intercivitana hispana milito li multe strebis por revivigi la movadon en Callosa de Segura. Landa Peranto de SAT en tempo sufiĉe danĝera, kiam la internacia lingvo estis malpermisita en nia lando, li estis unu el la unuaj membroj de Hispana Esperanto-Federacio en ĝia fondiĝo.

José Maria Bernabeu estis kasisto de HEF, kunfondinto kaj unua prezidanto



de la Grupo "Ĉiam Esperanto" de Callosa del Segura, membro de la 31a. Hispana E-Kongreso de Alicante. De antaŭ kelkaj jaroj organizanto de nia rendevuo en la pinarbaro de la marbordo en Guardamar del Segura, gvidis multenombrajn E-kursojn, kaj estis homo ĉiam preta agadi en pozitivaj taskoj por Esperanto.

Nia sinceran kondolencon al lia familio.

Ke li pace ripozu!

*Antonio Marco Botella kaj Grupo Esperanto de Alicante*




Vojaĝo en Esperanto-Lando, Perfektiga Kurso de Esperanto kaj Gvidlibro pri la Esperanta Kulturo. Boris Kolker. Eld. UEA. Rótterdam-2002. 21 x 15 cm 279 p., kun antaŭparolo fare de Kep Enderby, kun komentariaj notoj kaj ekzercadoj pri lingva praktiko. Dua eldono reviziita kaj renovigita.

Vojaĝo en Esperanto Lando estas verko kun plaĉaspekta ornamo, respekte submetita al fundamenta esperanto. Ĝia aŭtoro bonvenigas nin per jenaj vortoj: «En bela kaj komforta aŭtobuso, vojaĝanta en Esperanto-Lando, ni konatiĝos kun la historio, kulturo, kutimoj, vidindaĵoj de nia belega lando…

Kaj vere, niaj klasikaj kaj modernaj aŭtoroj, gramatikistoj, eseistoj kaj poetoj promenas kun ni, aŭskultante la konsilojn de d-ro Zamenhof, akademianoj kaj verkistoj. En tia bona akompano, ni profunde studos kaj praktikos la internacian lingvon, kiel aŭtoktonoj de Esperanto-lando.

La laboro de akademiano Boris Kolker estas impona, ame farita, sindonema por eldono inda al eksterordinara verko, oferante sian propran personecon kun svarmo de viva kulturo.

La legantoj de la Vojaĝo povos fari al si mem demandojn por intersanĝi kun ili kulturajn ideojn. Interna lirikismo, penetranta la tuton per dia muziko, plene riĉigos nian klopodon kaj formetos de ni la ĉiutagan rutinon. Inter la artaj kapabloj de la aŭtoro plej elstaras lia imagpovo por krei plej ĝustan gvidlibron por ellerni nian esperantan kulturon, morojn kaj lingvon. Ĝi estas io inter raporto, dokumento, rakonto, kroniko kaj klopodo doni al la leganto literaturan etoson; ĉar lernado de lingvoj ne nur konsistas en la enkapigo de gramatikaj reguloj, vortoj kaj tradukoj.

Resume, fine de la vojaĝo la leganto sentos sin firme paŝanta al pli alta nivelo en la regado de Esperanto.

*Rodolfo Canet Marin*

# Ne nur monpunoj

"Kio estas via laboro?" Oni demandas al mi multfoje. Mi respondas mallaŭte: "Mi estas... mi estas... policano... komunuma policano" Ĉiam oni tuj respondas gaje kaj laŭte: "Ha ha ha! Ĉu vi monpunas multe? Rimarku la registran numeron de mia aŭto kaj ne monpunu min, ha ha ha....!"

Jes, tiu estas la plej konata afero de mia laboro: la monpunoj. Sed mia laboro estas tre kompleksa: policanoj helpas, admonas, informas, instruas al la infanoj kiel ili devas cirkuli en la urboj, esploras krimojn... k.t.p. Mi laboras konkrete en la trafika fako, sed miaj taskoj ne rilatas nur al trafiko. Kiam mi laboras sur la stratoj, mia plej grava tasko ne estas esplori, nek gardi, nek kontroli... eĉ ne monpuni! Mia grava tasko estas... informi pri lokoj la vojantojn!

Mia labortago komenciĝas je la sepa horo, kiam mi devas esti jam perfekte vestita per mia uniformo. Kaporaloj kaj serĝentoj kontrolas nin kaj disdonas la tagtaskojn. Ili informas nin pri diversaj aferoj: rabitaj aŭtoj, forkurintaj deliktintoj, specialaj okazaĵoj sur la estratoj, kaj aliaj novaĵoj. Mi estas novico, do, mi ĉiam patrolas piede. Ok horojn piede! Nia individua ekipaĵo estas tre peza: pafilo kaj municio, klabo, mankateno, sendricevilo... Je la sepa horo kaj kvarono, ni eliras la policejon.

Ĉiu patrolo respondas pri la trafiko en sia placo aŭ strato. Se la trafiko estas normala, tio estas ĥaosa, ni kutime kontrolas la dokumentaron de la aŭtostirantoj, aŭ ni kontrolas la stratvendadon, aŭ inspektas ejojn... Sed se la trafiko estas malnormala, tio estas infera, ni "dancas tangon" (policana jargono), tio estas ni reguligas la trafikon per la movadoj de niaj kruroj kaj brakoj. Multaj el miaj amikoj opinas ke, kiam la trafiko stagnas, pri tio kulpas la policano kiu reguligas la trafikon. Kutime mi respondas per demando. Ekzemple, kie estas la kuracisto? Kuracisto estas ja tie kie iu malsaniĝis! Sed neniu diras ke la kuracisto kaŭzis la malsanon! Kial do homoj kulpigas la policanojn. Ni nur plenumas nian devon.

Tiu laboro estas tre malagrabla: komunuma policano ofte devas diskuti kun malafablaj personoj. Tamen, miaj kolegoj kaj mi preferus ne disputi kun deliktuloj, ni preferus kvereli kun krimuloj. Vere! Mi klarigu kion mi celas: Krimuloj neniam furioziĝas aŭ insultas policanojn, ili nur volas forkuri. Sed kiam policano monpunas normalan personon, kiu ekzemple parkumis sian aŭton en malpermesata zono, la policano ofte devas aŭskulti jenon: "Vi ne scias kiu mi estas!" "Mi pa-

rolos kun via estro kaj vi estos maldungota morgaŭ matene!" "Tio estas grava maljusteco, mi nur parkumis kvin minutojn!" "Vi estas despoto, diktatoro...!"

Kion ni petas de la civitanoj? La kompreno de la civitanoj estas la plej grava afero por policanoj: kiam ni monpunas, admonas, aŭ malpermesas ion... ni ne faras tion kaprice! En Hispanio, la civitanoj pensas ke la Polico nur monpunas por "monkolekti" por la Ŝtato. Ni, miaj kolegoj kaj mi, pensas ke la monpuno estas rimedo, ne celo. Mi ne estas Policano por monpuni, mi monpunas por eviti akcidentojn, trafikan obstrukcon, k.t.p.

Oni diras ke la profesio de policano estas la plej maltrankvila ofico, kaj mi opinias ke oni vere pravas. Tamen, ankaŭ en policana labortago estas tempo por ridi: la frenezuloj amas paroli al policanoj ĉar ni devas esti je la servo de ĉiuj civitanoj. Mi amas ankaŭ paroli al la turistoj angle aŭ france, sed bedaŭrinde neniam esperante! Mi amas vere paroli al la infanoj; ili kutime okulumas nin kaj diras al ni gaje "saluton policano!" Mi kutimas demandi al ili: "Ĉu vi volas esti policano kiam vi estos plenaĝulo?" La respondo estas klara... sed kelkafoje ili respondas "neeeeee, ĉar mia patro diras ke vi estas nur monpunuloj", aŭ "neeeeeeee, mi volas esti fajrestingisto ĉar lia salajro estas pli granda ol la via!" En Hispanio oni diras ke nur la infanoj kaj la ebriuloj diras la veron...

Kio estos mia estonta laboro? Mi volus labori en kvartalpolica fako. En tiu fako, la taskoj estas tre diversaj: ejsekureco, delikteco, patrolado, stratvendado, delikteco de enmigrintoj, ankaŭ trafiko, k.t.p. Nu, kiam mi aĝos kvindek jarojn mi volus labori en la hundpolica fako ĉar mi amas la hundojn. En tiu fako estas hundoj taskoj de sekureco (germana ŝafhundo), kaj por priflari eksplodaĵojn, drogojn aŭ viktimojn (spanielo).

Mi povas rakonti multajn anekdotojn, ĉar polica labortago estas tre varia. Ekzemple, pri turisto kiu demandis al ni kie estas la DOMO de la kamparo (en Madrido estas granda parko nomata "Casa de Campo" kio signifas "Kampardomo", sed "dom" estas nur parto de la nomo! Domo ne ekzistas tie!). Kolego rakontis al ni ke iu turisto demandis al li kie estas la madrida strando! Mi povas rakonti ankaŭ malgajajn anekdotojn pri enmigrintoj kiuj havas nenion kaj loĝas surstrate, kiuj havas nur foton de sia edzino kaj fil(in)oj en sia landoj, kiuj ploregas ĉar ili venis al Hispanio por progresi, sed bedaŭrinde ili elspezis sian ŝparon, kaj ili ne havas eĉ monon por la revena aviadila bileto!

Policana laboro do estas tre intensa, danĝera, kaj tre sendanka... sed mi vere amas ĝin, kvankam la salajro estas malpli granda ol salajro de fajrestingisto! Kaj la plej grava tasko de ĉi tiu teksto estas memorigi vin ke ni ne nur monpunas... ;-)

Ĝis la revido!

El Guti ;-) (Hispanio),

kun helpo de Kagu :-} (Svedio)

# Internaciaj E-organizaĵoj



En la IE-Oj ekzistas du grupoj tre malsamaj: unu grupo kiu en sia regularo ne akceptas diskriminaciojn por siaj membroj pro la nacieco, religio kaj politiko, kaj plie akceptas la dokumenton "Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj", kies aparte gravaj artikoloj por la esperantistoj estas la n-roj 1, 2, 3, 4 kaj 5. Tiujn IE-Ojn ni povas rigardi "neŭtralajn".

Alia grupo etas IE-Oj kiuj pro sia regularo akceptas la diskrimanciojn por siaj membroj kaj, konsekvence, ili ne akceptas parton de la dokumento "UD de HRoj". Tiujn IE-Ojn ni povas rigardi "neneŭtralajn".

Vere, ne estas nia deziro esplori la komparan valoron de la du grupoj, tute ne! Kontraŭe, ni nur atestas ke en la E-movado ekzistas, same kiel en aliaj neesperantistaj asocioj, malsamaj opinioj kaj regularoj, kiel ankaŭ ekzistas malsamaj leĝoj en la ŝtatoj de EU kaj, kompreneble, en tiuj de aliaj kontinentoj.

Feliĉe, en la komenco de la pasinta jarcento, grupo da e-istoj decidis fondi organizaĵon kun la celo kunlabori kaj atingi la kunlaboron de ĉiuj esperantistoj, kaj de la IE-Oj, neŭtralaj kaj neneŭtralaj. Tio permesis krei unuiĝon kun la e-istoj de la tuta mondo. La nomo de tiu asocio estas "Universala Esperanto-Asocio" (UEA). Ĝi rezistis la du mondajn militojn, kaj daŭrigis sian agadon ĉefe pri jenaj temoj: Universala E-Kongreso. Monda libroservo. Financa helpo al homoj kaj organizaĵoj de landoj en la tria mondo. Disvastigo kaj defendo de la dokumento "Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj". Kreado de favora etoso inter la geesperantistoj kaj la internaciaj ŝtataj kaj lokaj E-Oj. Dediĉo de aparta atento al la instruado de Esperanto al infanoj kaj gejunuloj. Plifirmigo de la kontaktoj kun la registaroj, ktp.

Laŭ mia opinio, estas evidente ke ekde la unua regularo de UEA, en la jaro 1908, kiam oni fiksis la celojn, la 2a punkto tekstis: "La UEA estas neŭtrala rilate al religio, politiko kaj nacieco". Ĝis la lastaj aldonoj kaj ŝanĝoj, la aktuala statuto de UEA konservas la saman neŭtralecon kiel en la komenco de la pasinta jarcento, eĉ eble pro la konscio de la novaj generacioj rilate al la instruado de la "Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj", oni komprenas pli bone la neŭtralecon de UEA. Kaj sendube, se UEA ne ekzistus, ni devus fondi alian similan organizaĵon, ĉar ni ĉiam bezonas mondan forumon "neŭtralan".

*Salvador Aragay*



# Emas korespondi

* Sterea I. Constantin, 65-jara pensiulo volus trovi bonan kristanan familion de geesperantistoj kiuj povus sendi al mi bildkartojn el sia urbo. Adreso: 2000 PLOIESTI — 12; Serg. Mateescu Gheorghe 7; bl 42.B, sc B, ap 40, et 4; Rumania.

* Iwona Broniewska, 42-jara edzino laboranta en biblioteko por infanoj kaj junuloj, emas korespondi kun hispanoj pri literaturo kaj geografio: Adreso: ul. Jagiellonska 58 m. 112; 03-468 Warszawa; Pollando.

* S-ino Svetlana Chetoukhina, 57-jara arkitekto, emas korespondi kun komencantoj, por reciproka lingva helpo, pri historio de arkitekturo, klasika muziko, perkoresponda ŝakludo kaj metodoj de resanigado. Adreso: Prinz-Eugen Str. 7; DE-13347 Berlino; Germanio.

* Irina, loĝanta en Siberio, 20-jara studentino pri ekonomiko. ŝi ŝatas foti, naĝi, vojaĝi kaj aŭskulti muzikon. Adreso: Irina Volobueva; ul. Slavu 13-99; Krasnojarsk; RU-660132; Rusia; (a/? 22899).

## Kongresanoj laŭ landoj

| | |
|---|---|
| Belgio | 5 |
| Britio | 7 |
| Bulgario | 1 |
| Danio | 11 |
| Francio | 21 |
| Germanio | 2 |
| Hispanio | 55 |
| Hungario | 1 |
| Irlando | 2 |
| Israelio | 2 |
| Italio | 8 |
| Malio | 1 |
| Nederlando | 6 |
| Portugalio | 1 |
| Rusio | 6 |
| Entute | 129 |

(04-04-15)

Kiel vi povas rimarki, la kongreso de Bilbao bonege iras. Kiam mankas ankoraŭ 4 monatoj, la nombro de aliĝintoj estas jam 129 el 15 landoj!

Sendube la etoso en Bilbao estos tre bona, kaj la lingva nivelo alta. Tion garantias la nomoj de multaj aliĝintoj.

*M. Zocato*



# Provizora Kongresa Programo

Merkredo 25a de aŭgusto

10-12 Akcepto de la kongresanoj.
11-12 Gazetara konferenco.
12-14 Malfermo de la Kongreso.
Paŭzo.
17-18 Prelego pri Bilbao/Biskajo.
18-20 Interkona vespero.

Jaŭdo 26a de aŭgusto

10-11 Prelego.
11-12 Prelego.
Paŭzo.
12:30-13:30 Prelego.
Paŭzo.
17 Ekskursoj:
(a) Boate ĝis Portugalete.
(b) Muzeo Guggenheim.
(c) Bilbao/Artxanda.
22 Oficiala bankedo. Balo.

Vendredo 27a de aŭgusto

10-11,30 Prelego.
12,30 Akcepto de la kongresanoj en la Urbodomo.
13,30 Lunĉo. Oficiala foto.
Paŭzo.
17 Ekskursoj:
(a) Boate ĝis Portugalete.
(b) Muzeo Guggenheim.
(c) Bilbao-Artxanda.
22 Distra programo.

Sabato 28a de aŭgusto

9-12 Kunsidoj de HEF kaj de aliaj asocioj. Kunveno de EEU-komitato.
12:30 Fermo de la kongreso.
Paŭzo.
18 Spektaklo en teatro de Bilbao.

Dimanĉo 29a de aŭgusto

10 Tuttaga ekskurso: Bilbao, Gernika (Vizito al la Biskaja Parlamento kaj al la Muzeo pri Paco; libera promenado tra la urbeto). Mundaka (komuna manĝo en restoracio). Bermeo (tipa fiŝkaptista urbeto). Lemoiz (Fama fermita atomenergia centralo). Getxo (Fama ferponto de la 19a jarcento).
19 Reveno al Bilbao kaj adiaŭo.




# 63a Hispana Esperanto-Kongreso
# kaj 6a Eŭrop-Unia E-Kongreso

Bilbao

25a ĝis 29a de aŭgusto 2004

Facultad de Ciencias Económicas
Avda Lehendakari Agirre

ALIĜILO N-RO......
(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato (1) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Adreso. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . HEF-numero . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Urbo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . . . . . . . . . .
Retadreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Telefono . . . . . . . . . . . . .
(2) Nur por statistiko . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Faksilo . . . . . . . . . . . . .

| Kongreskotizoj | ĝis 03-12-31 | ĝis 04-04-30 | poste |
|---|---|---|---|
| Individua Kongresano (IK) | 50 € | 60 € | 70 € |
| Kunulo / Junulo(2) | 35 € | 40 € | 45 % |
| Infano (naskiĝinta post 1990/12/31) | 0 € | 0 € | 0 € |

(2) Kunulo devas loĝi kun IK, kaj Junulo estas tiu naskiĝinta post 1974-12-31.
Donaco . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . ____
ENTUTE: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . ____

Kotizu pere de ŝparkaso Bilbao Bizkaia Kutxa (BBK).
konto-numero: 2095-0141-45-2218001832 al la 63a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Konstanta adreso: Grupo Esperantista (H K); Barrencalle Barrena, 7-1 D; 48005 Bilbao; Tel: 944164492; 696613958; esperantobilbao@terra.com

Bilbao
23a-29a
aŭgusto 2004



Bilbao
23a-29a
aŭgusto 2004



## 6a Eŭrop-Unia E-Kongreso
## kaj
## 63a Hispana E-Kongreso










Ana Manero kaj Antonio del Barrio legas pecojn el Don Quijote en la lego-festo organizita de Circulo de Bellas Artes de Madrid. Nu, jen denove deca reprezento de la E-movado, ĉi-foje sub la patronado de Fundación Esperanto. La partopreno de nia lingvo estis pozitive reliefigita de la novaĵ-programo Telediario-2 de TVE-1. Nekredeble, ĉu ne? Sed, kiom da laboro necesis por tiu rekono? Fernando de Diego tradukis la verkon laŭlonge de pluraj jaroj, Fundación Esperanto eldonis ĝin danke al la malavara kontribuo de familio Manteca, kaj nun "bone organizita" movado, tio estas HEF kaj ĝia Fondaĵo, rikoltas la fruktojn de pacienza semado.

La irenda vojo estas nete klara... serioza laboro apogita sur fortaj institucioj.

*Miguel Gutiérrez Adúriz*

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora